# Germana Esperantisto

## Der Deutsche Esperantist

Aperas duonmonate en du alternantaj eldonoj: **Eldono A (Propagando), Eldono B (Literaturo).** — **Abonprezo por jaro:** por Germanujo 2,— Sm, (por eksterlando 2,250 Sm). Unu eldono aparte: 1,— Sm (1,125 Sm). — Provabono por kalendara kvaronjaro 0,250 Sm (0,300 Sm) por unu eldono.
**Anoncoj:** Vidu tarifon sur la kovrilo.



Erscheint halbmonatlich in zwei abwechselnden Ausgaben **Ausgabe A (Propaganda), Ausgabe B (Literatur).** — **Bezugspreis für ein Jahr:** für Deutschland 4,— M., (für das Ausland 4.50 M.). Jede Ausgabe einzeln: 2,— M. (2,25 M.). — Probeabonnement für ein Kalenderquartal 0.50 M. (0,60 M.) für jede Ausgabe.
**Anzeigen:** Siehe Tarif auf dem Umschlag.

**Redaktoro: Friedrich Ellersiek, Berlin S 59, Wissmannstr. 46**

Alsenditajn artikolojn la redakcio laŭ bezono korektas. Nepresitajn manuskriptojn ni redonas nur, se oni aldonis poŝtmarkon por la resendo.

**9ª Jaro No. 12 B** | **Eldonejo kaj Redakcio: Dresden-A. 1, Struvestr. 40** | **Decembro 1912**



## Grava sciigo!

Ĉio plikariĝas, kaj la ĝenerala plialtiĝo de la prezoj ankaŭ ne haltas antaŭ la pordo de nia eldonejo. Kiam en la pasinta jaro estis fiksataj la prezoj por nia gazeto en ĝia nova aranĝo, tio okazis sur la bazo de la tiama prestarifo. Intertempe, kiel oni scias, la presistoj enkondukis novan, plialtigitan tarifon, kaj ankaŭ la paperliverantoj plialtigis la prezojn por prespaperoj. Sekve de tio la farado de nia gazeto nun kostas multe pli ol antaŭe.

Tiu ĉi cirkonstanco devigas nin, por la nova jaro iom plialtigi la abonprezon de Germana Esperantisto. De post Januaro 1913 la jara abonprezo por **ambaŭ eldonoj** estos **2.400 Sm. por ĉiuj landoj**. (Provabono por duonjaro, komenciĝanta en Januaro kaj Julio, 1.200 Sm.).

**Ĉiu eldono aparte** kostos **1.200 Sm.** pojare (por duonjaro 0.600 Sm.).

Ni esperas, ke niaj ĝisnunaj abonantoj malgraŭ tio ne nur restos fidelaj al nia jurnalo, sed ankaŭ alkondukos al ĝi novajn amikojn. Ni ja ne bezonas aparte akcenti, ke same kiel ĝis nun, ni ankaŭ en estonteco klopodos konservi al G. E. ĝian ŝatatecon, tiom pli, ke ĝi en la nova jaro denove estos la oficiala organo de Germana Esperanto Asocio. La abonantojn de eldono B ni speciale atentigas pri tio, ke ni kompensos la prezaltigon per bone elektitaj ilustrajoj, aperontaj en ĉiu numero.

Por eviti prokraston en la alsendado de la januaraj numeroj, ni petas niajn legantojn pri baldaŭa renovigo de ilia abono.

**Ader & Borel** G.m.b.H., **Esperanto-eldonejo.**

## Neniu scias, por kio ĝi estos bona.

De Anton Sommer.

En vilaĝo Holzendorf, en la lasta malgranda dometo, kie la piedvojo ĉe la monto kondukas malsupren, tie loĝas Traŭgot Melner kun sia edzino Katarino kaj siaj du infanoj. Estis kristnaskotago, ĝuste antaŭ sunleviĝo, kiam Katarino diris al sia edzo, kiu ĉe la fenestro akrigis sian segilon, dum la infanoj ankoraŭ dormis: „Aŭdu Traŭgot, mi pensas, ke vi tamen iru ankoraŭ hodiaŭ en la urbon“. —

„Ĉu vi denove komencas pri tio,“ diris li, „mi pensis, ke vi ĉesis pensi pri tio.“

„Kiel mi tion povus, Traŭgot,“ rediris Katarino, „estas por mi tro malĝojige! Vidu, dum la dek du jaroj de nia edzeco ni ankoraŭ ne travivis tian mizeran kristnaskofeston kiel tiun de la nuna jaro.“

„Nu, tio faras nenion“, diris la edzo, „ni malgraŭ tio same gaje festos, ni ja estas honestaj kaj ordemaj homoj, ni povas varmigi nian ĉambron kaj neniam ni malsate enlitiĝis. Vi scias, ke mi ankoraŭ hodiaŭ dissegos en la drinkejo unu klafton da ligno; per tio ni tuj povos pagi, kion ni ŝuldas por terpomoj, kaj restas ankoraŭ profito por aĉeti iom da oleo por la lampo, por ke ni povu vespere rigardi unu la alian en la vizaĝon, kaj eble najbaro Fride kun sia edzino nin vizitos.“

„Ha,“ diris Katarino „en ĉiuj domoj estas ĝojo kaj donacoj por infanoj, nur ĉe ni estas tia mizero, ke ni ne povas ion donaci al la infanoj.“

„Silentu Katarino, kaj ne peku per vortoj," kriis Traŭgot, „ĉu ni ne estas viglaj kaj sanaj? Ĉu doloras al ni eĉ nur unu fingro? Ĉu ne bongustas al ni manĝaĵoj kaj trinkaĵoj? Ĉu ni ne havas ĝojon pri niaj infanoj? Ĉu tio estas nenio? Kion utilus al ni posedi riĉaĵojn, se ni estus malsanaj kaj devus kuŝi en la lito kaj ĝemadi!"

„Mi ja ne volas esti riĉa," diris Katarino, „mi nur bedaŭras Hanne'n kaj Roze'n, tiuj ĉi kompatindaj infanoj ne ricevas eĉ unu fadenon kaj mielkukon, kaj ili devas rigardi, kiel ĉiuj aliaj infanoj ĝojas pri siaj donacoj dum kristnasko."

„Nu," diris Traŭgot, „neniu scias, por kio ĝi estos bona. Ili ja havas ruĝajn vangojn kaj ĝojan koron, kaj lernas bone labori, kaj se ili restos bonaj kaj honestaj, Dio certe plibonigos poste ilian vivon."

„Tio estas ja vera," diris Katarino „sed aŭdu Traŭgot, vi ja tamen povus provi iri en la urbon, kaj se vi alportus hejmen nur kelkajn monerojn, per kiuj ni povus fari malgrandan ŝercon por niaj infanoj, ili tre ĝojus pri tio. Kaj kia plezuro estus por ni, se mi morgaŭ matene pro la festa tago povus meti sur la tablon veran kafon kaj por ĉiu el ni paron da bulkoj!"

„Jen vidu!" kriis la edzo ridante „tiel kreskas la deziroj: unue plezuro por infanoj, poste jam kafo kaj bulkoj, nun ne longe daŭros kaj venos rostaĵo kaj salato, kaj ĉion ĉi tion mi povus atingi per mia vojo en la urbon? Ne lasu vin moki! eĉ ne kupran moneron mi perlaboros; kiu aĉetos hodiaŭ kirlilojn kaj kroĉilojn kaj similajn aĵojn?"

„Nu," diris Katarino, „vi prenos la belajn infan-ludilojn, kiujn vi skulptis, la seĝetojn, tabletojn kaj pladotabuletojn, vi certe vendos ilin, kredu min; al multaj patrinoj ili estos bonvenaj kiel donacoj por la infanoj, ne sufiĉos viaj manoj por disvendi ilin; ĉu ne, Traŭgot, vi tamen iros? Mi ja konjektis, ke vi ne detruos mian ĝojon!"

„Sed se mi revenos kun malplenaj manoj," diris ŝia edzo kaj apogis sian segilon en angulon al la muro, „kaj la tempo ne estos uzita kaj la ligno en la drinkejo ne estos dissegita, kion tiam fari?"

„Mi ne povas kompreni vin, kia vi hodiaŭ estas," diris Katarino „la irado ja ne longe daŭros, post kelkaj horoj vi ree estos hejme, kaj la klafteton da ligno ni ambaŭ poste rapide dissegos."

„Nu bone," Traŭgot fine konsentis „neniu scias, por kio ĝi estos bona; iru por alporti mian dorskorbon, dume mi vestos min!"

La suno jus leviĝis kaj brilis tra la pendoglacioj, kiuj pendis de la tegmento, kiam Traŭgot kun sia korbo sur la dorso forlasis la domon kaj Katarino afable postrigardis lin, dirante, ke li kiel eble plej rapidu.

Traŭgot ja estis taglaboristo, kaj lia edzino fervore helpis lin ĉe lia laboro; sed kiam ne estis alia laboro, aŭ dum longaj vesperoj, li skulptis tre lerte el ligno beletajn objektojn, kaj poste li portis ilin en la urbon kaj vendante ilin, li enspezis kelkajn monerojn. Ĉar ili ambaŭ tre diligente laboradis kaj estis honestaj kaj bonaj homoj, ili ĉie ricevis laboron kaj per tio havis ĉiam enspezojn, por honeste nutri sin kaj la infanojn. Estas vere, en tiu ĉi jaro la pano tre kariĝis, kaj la rikolto de la terpomoj estis ne sufiĉe granda, kaj plie Traŭgot devis rebonigi la tegmenton de sia dometo, kaj la aliaj homoj ŝparis la monon kaj ne donis sufiĉe da laboro, tiel ke la geedzoj Melner devis elspezi iom de sia ŝparita mono, se ili ne volis fari ŝuldojn. Estis la unua fojo, ke ili ne perlaboris sufiĉe, kaj por la kara kristnaskofesto restis nenio. Tial ili nun nenion povis elspezi por la festo kaj devis kontentiĝi, ĉar Traŭgot ne volis prunte preni ion, escepte kelkajn groŝojn por funto da faruno aŭ terpomoj ĉe la drinkejmastro, kion li ĉiam pagis per sia laboro.

„Estas belega mateno" pensis Traŭgot, kiam li en la freŝa vintra aero iris laŭ sia vojo kaj vidis la sunbrilon sur la blanka neĝo. Li sentis sin preskaŭ gajiĝita, kaj elirante nun el la pli profunda vojo kaj vidante la urbon de malproksime, kie la fumo rekte altiĝis el la kamentuboj, li mem sentis, kvazaŭ lia Katarino estis prava, sendante lin en la urbon. Li esperis, ke li tamen ne vane foriris hodiaŭ. Li jam imagis al si, kian ĝojon havos lia edzino, kiam li alportos kelke da groŝoj, kaj kiel la knabinoj ĝojkrios, kiam ili tamen ricevos mielkukon. Kaj okupita de tiaj pensoj, farante ĉiam pli grandajn paŝojn, li aŭdis post si tintantan glitveturilon, kiu rapidege alproksimiĝis, kaj li rapide rigardis returnen. La veturilo estis konata al li, ĝi apartenis al sinjorino de Vorm, bienposedantino, kiu certe rapidis al la urbo, por ankoraŭ aĉeti donacojn por la kristnaska vespero.

„Mi devas ĝustatempe iri flanken," pensis Traŭgot, „alie Joĉjo (la veturigisto estis bona amiko de li) certe renversos min."

Li volis do rapide paŝi flanken en la neĝon, sed lia piedo forglitis sur la glacio, kiu estis sub la neĝo, kaj li falis teren, tiel fortege frapante sin, ke li preskaŭ svenis. Kaj kiam li ree volis stariĝi, ha, bona Dio! li sentis, ke unu piedo certe elartikiĝis, tiel ke pro doloroj li dezirus krii, kaj li devis resti kuŝanta.

Nun la glitveturilo alvenis apud li. Kiam Joĉjo ekvidis Traŭgot'on, li tuj haltigis la ĉevalojn kaj kriis: „Bona Dio, Traŭgot, kio okazis al vi, ke vi tie ĉi kuŝas en la neĝo?"

„Ha, mi volis flanken iri pro via veturilo," diris Traŭgot, „kaj mia piedo forglitis kaj elartikiĝis, tiel ke mi ne povas leviĝi. Se mi nur jam estus hejme!"

„Nu, tie ĉi oni devas helpi," diris Joĉjo kaj saltis malsupren de sia benko, „sinjorina moŝto, ĉu vi permesus, ke mi veturigu hejmen la kompatindan viron? Mi sidigos lin sur mian benkon, kaj la veturo daŭros nur dek minutojn."

La sinjorino ne tre volonte konsentis, sed Joĉjo jam turnis la glitveturilon, metis Traŭgot'on, kune kun lia dorskorbo, sur sian benkon kaj ekveturis Holzendorf'on.

„Kompatinda Traŭgot," diris Joĉjo, kiu iris piede apud la ĉevaloj, „estas malfeliĉa okazo, precipe dum kristnaska antaŭtago! Kien vi volis iri?"

„Ha, mi volis iri en la urbon" diris Traŭgot, „kaj deziris ricevi kelke da groŝoj por la festotagoj. Kaj nun mi ricevis ion, pri kio mi ne pensis, kaj senlaborajn tagojn mi havos pli multajn, ol mi deziris: homo deziras, sed Dio decidas."

„Vi tuj devas venigi la kuraciston, kiam vi venos hejmen" diris Joĉjo, „ĉar via piedo estas en nebona stato."

Nun ili alvenis antaŭ la dometo de Traŭgot. Liaj infanoj mirigite rigardis tra la fenestrovitroj kaj kriis: „Patrino, patrino, la patro venas hejmen en glitveturilo!" Sed apenaŭ Katarino rigardis eksteren, ŝi terure ektimis kaj rapide kuris el la ĉambro.

„Jen estas via Traŭgot" kriis Joĉjo, „mi trovis lin sur la strato."

Katarino paliĝis, kaj ne povante eligi vorton ŝi laŭte ekploris. Traŭgot deziris konsoli ŝin kaj diris: „Nu, Katarino, ne estas ja malfeliĉo, pro kiu oni devus kriegi al ĉielo; mi elartikigis la piedon, kaj la sinjorina moŝto estis tiel bona kaj lasis min veturigi hejmen".

„Katarino, tenu dume la ĉevalojn", kriis Joĉjo, prenis Traŭgot'on sur la dorson kaj portis lin en la ĉambron.

„Ho, ni kompatindaj homoj," plendis Katarino, „kio fariĝos el ni, kaj mi estas kulpa pri tio" — kaj ree ŝi laŭte ploradis.

Sinjorino de Vorm deziris konsoli ŝin, sed jen revenis Joĉjo kaj diris:

„Sinjorina moŝto bonvolu iri nur por momento en la varman ĉambron, nur ĝis kiam mi returnis la veturilon, estas tie ĉi iom malvaste, oni ne scias, kio povus okazi, glitveturilo facile renversiĝas."

Sed li ne timis la renversiĝon, tute ne, ĉar Joĉjo estis lerta veturigisto, li nur deziris, ke lia sinjorino foje rigardu la ĉambron de la malriĉaj homoj, ĉar li pensis, ke estus strange, se tio ne iel bone efikus.

Sinjorino de Vorm efektive forlasis la glitveturilon kaj eniris la dometon.

En la ĉambro, kie Traŭgot sidis sur la forna benko, la knabinoj, laŭ signo de la patro, viŝis lignan seĝon por proponi ĝin al la sinjorino, sed Katarino forgesis ĉion pro sia edzo kaj, prenante lin ĉe la kapo, ŝi diris:

„Ho, vi kompatinda Traŭgot, vi certe suferas grandajn dolorojn, kaj via piedo eble eĉ estas rompita, ha, bona Dio, kaj mi tute sola estas kulpa pri tio, ĉar mi forsendis vin!"

„Lasu nur Katarino" diris Traŭgot, kaj karesis ŝiajn vangojn, „neniu scias, por kio ĝi estas bona! Se mia piedo estus forglitinta sur la ŝtonmonto, kaj mi rapidege estus falinta malsupren, mi ne estus reveninta vivanta."

Joĉjo eniris kaj petis sian sinjorinon eliri. Ŝi tute ne sentis sin bone en la malvasta kaj mizera ĉambro, inter la malĝojaj homoj, kaj kiam Traŭgot ankoraŭ multe dankis, ŝi foriris, kaj baldaŭ la sonoriletoj de la glitveturilo gaje tintis laŭlonge la strateton.

Sidante en la glitveturilo sinjorino de Vorm demandis sian veturigiston, ĉu li konas tiujn ĉi homojn. Kaj Joĉjo rakontis, ke Traŭgot estas bona amiko de li, kaj ke li kaj lia edzino estas tre honestaj homoj, kiuj vivas per la laboro de siaj manoj, bone edukas siajn infanojn en respekto al Dio kaj en la tuta vilaĝo havas plej bonan reputacion; li ne povis fini tiun laŭdadon pri Traŭgot kaj Katarino. Sed nun ili certe havas grandan mizeron, li aldonis, ĉar Traŭgot rakontis al li dum la veturo, ke li volis iri en la urbon, por tie enspezi kelke da groŝoj por la festotagoj, kaj certe li ne estus irinta hodiaŭ, se ili ne tre bezonus la monon, kaj nun tiu kompatindulo havis tian malfeliĉon. Sed ŝajnas kvazaŭ, ke Dio intencis ion, kiam Li jetis lin sur la vojon de la sinjorina moŝto, kvazaŭ Li volus diri: „Vidu, tie ĉi vi povas helpi al malriĉulo kaj gajigi lian kristnaskofeston". „He!" Joĉjo nun kriis al siaj ĉevaloj, kaj la glitveturilo kvazaŭ saĝo antaŭenflugis sur la glata strato. Sed kiam poste la strato ree kondukis supren, Joĉjo turnis la kapon kaj diris: „Kaj ĝuste nun okazis, sinjorina moŝto, ke taglaboristo foriris de ni, kaj vi bezonas tian viron kiel estas Traŭgot; estas la volo de Dio, pri tio mi estas certa. He!" li kriis denove, kaj la ĉevaloj kuris kiom ili povis, kaj post nelonge ili enveturis tra la urba pordego. —

Katarino estis tuj forkurinta por venigi la kuraciston; li baldaŭ venis, rigardis la piedon kaj diris, ke ĝi ne estas rompita, sed elartikigita, kaj ke oni devas ĝin reenigi; kaj kiam li preparis siajn ilojn, Traŭgot demandis, kiom da tempo la resaniĝo bezonos. Eble ses semajnojn tio daŭros, diris la kuracisto.

„Ho Dio!" plendis Katarino, sed Traŭgot diris: „La senlabora tempo estos iom tro longa por mi, sed neniu scias, por kio ĝi estos bona!"

Dum la enartikiĝo Traŭgot mute toleris la dolorojn, li nur treege paliĝis, kaj kiam la kuracisto estis foririnta, Katarino plorante ĉirkaŭprenis lin kaj petis, ke li pardonu al ŝi, ke ŝi kaŭzis al li tiom da doloroj kaj tian malagrablan tempon.

„Ne diru infanaĵojn," diris Traŭgot, „vi ja ne volis, ke mi elartikiĝu la piedon, kaj ankaŭ mi ne estas kulpa pri tio; ĝi venas do de iu alia, kiu intencas ion bonan per tio, eĉ se ĝi kaŭzas doloron. Ne malesperu kaj havu kuraĝon, la bona Dio ne forlasos nin. Dum la tempo, kiam mi devas resti hejme, mi diligente skulptos el ligno, kaj kiu scias, ĉu tiuj objektoj ne estos bone vendataj, kiam la homoj ekscios, kio okazis al mi. Sed nun kuru al la gastejmastro, por ke li sciu, ke mi ne povas veni por labori. Li certe ankoraŭ atendos, ĝis kiam mi estos sana kaj povos repaĝi la monon."

Kaj poste li doniĝis al si la ilaron por skulptado kaj laboris, kvazaŭ nenio estus okazinta. Kaj ankaŭ Katarino trankviliĝis iom, kiam ŝi vidis, ke Traŭgot ne plu suferas grandajn dolorojn; kaj post ne longe en la ĉambreto estis tiel hejmece kiel ĉiam, kaj la infanoj helpis al sia patro kaj divenis ĉiun lian deziron kaj alkuris pli rapide ol iam, se li bezonis ion, ĉar ili sciis, ke li devas resti sidanta. Katarino laboris jen ekstere, jen en la ĉambro, kaj ĉiufoje, kiam ŝi eniris, ŝi plej unue rigardis sian Traŭgot'on kaj centfoje ŝi demandis pri liaj doloroj. Sed kiam ŝi estis ekstere, ŝi tamen devis kelkfoje ekĝemi kaj viŝi siajn okulojn per la antaŭtuko. —

Sinjorino de Vorm estis alveninta en la urbo. Apenaŭ ŝi estis elirinta el sia glitveturilo, ŝi diris al sia veturigisto, ke ŝi volonte konsentas, ke Traŭgot ricevu la laboron en la bieno, kaj kiam li ree estos sana, li povos komenci sian servon. Sed, ŝi daŭrigis, ŝi pensis, ke oni povus fari ian ĝojon al la malriĉaj homoj, ĉar ili ĝuste dum la sankta kristnaska vespero estas en tia mizero. Tia diro estis tre bonvena por nia Joĉjo. „Ho, mia bonkora sinjorina moŝto", li kriis kaj frotis la manojn pro ega plezuro, „tion mi konjektis, sed aŭdu, bonvolu konsenti, ke mi elektu la objektojn, ĉar mi konas la homojn kaj scias, pri kio ili ĝojos. Ni havas en la glitveturilo la grandan skatolon, kiun mi devus transdoni al la modistino — sed ŝi povas atendi, ŝi certe havas sufiĉe da skatoloj — tiun ĉi mi prenos kaj enpakos ĉion, kion vi permesos aĉeti por la geedzoj Melner; ho, kiam mi pensas pri tio, kia ĝojo estos ĉe ili, mia koro saltas en la korpo".

Sinjorino de Vorm devis ridi pri sia Joĉjo pro lia flama fervoro, li preskaŭ tremis pro plezuro; ŝi donis al li grandvaloran moneron kaj diris, ke li rapidu, ĉar je la dua horo ili ree devos ekveturi. —

Estus amuza vidaĵo por vi, se vi estus povintaj vidi Joĉjon en lia grandega ĝojo, kiam li rapide ekkuris por prizorgi ĉion.

Estis ankoraŭ longe antaŭ la dua horo, kiam li alvenis, kaj antaŭ ol li aljungis la ĉevalojn, li alportis la skatolon al sia sinjorino, kiu scivole atendis por rigardi liajn aĉetaĵojn. Jen li elpakis la donacojn: kelkajn funtojn da viando, pecon da lardo, pakaĵetojn kun rizo, faruno, grio, jen estis saketo da sukero, plue kafo, jen du paroj da malgrandaj lanŝtrumpetoj, fasko da lano kaj trikiloj kaj tri koltuketoj por la patrino kaj la knabinoj. Sinjorino de Vorm kore ekridis, vidante ĉion, sed ŝi laŭdis sian Joĉjon, ke li tiel prudente elektis la objektojn.

„Sed nun ankoraŭ ion, sinjorina moŝto", diris Joĉjo, kiu kuraĝiĝis pro la afableco de la sinjorino, kaj li etendis la malfermitan manon, „jen estas la mono, kiu ankoraŭ restis, ĉu ankaŭ meti ĝin en la skatolon, aŭ ne?"

Kaj kiam la sinjorino afable jesis, li ĝoje ree enpakis la objektojn, almetis la manplenon da mono kaj forportis la skatolon en la glitveturilon. Post kelke da minutoj ili ree veturis sur la strato. Ĵus vesperiĝis, kiam la infanoj de Traŭgot kriis apud la fenestro: „Patrino, la glitveturilo ree venas al nia domo!" Katarino sidis apud sia edzo sur la forna benko, kaj antaŭ ol ŝi povis atingi la pordon, Joĉjo jam eniris kaj donis al ŝi la skatolon, dirante: „Jen estas io de mia sinjorina moŝto! En kia stato estas via piedo?"

„La piedo estis elartikigita" diris Traŭgot, „la kuracisto enigis ĝin, sed eble dum ses semajnoj mi ne povos uzi ĝin."

„Nu, pri la kuracmono vi ne bezonos zorgi, kaj kiam vi ree estos sana, vi ricevos laboron en la bieno. Ĉio jam estas en ordo." Kaj for li estis, antaŭ ol iu povis malfermi la buŝon por diri ion, kaj kiam Katarino kuris eksteren por danki al la sinjorino, la glitveturilo jam estis forveturinta. Sed kiam Katarino ekbruligis la olelampeton kaj malfermis la skatolon kaj ĉiuj mirigite rigardis la donacojn, tiam Katarino kaj ŝia edzo ploris pro kortuŝeco, kaj la infanoj saltis pro ĝojo. Jen estis kristnaska vespero tiel ĝoja kaj bela, kiel Katarino neniam imagis ĝin al si. Pri la estonteco ili ne plu bezonis zorgi, kaj por la festo ili, krom kafo, efektive ricevis rostaĵon, tiel belan, kian ili ankoraŭ neniam havis. Katarino ĉirkaŭprenis sian edzon, kaj Traŭgot diris: „Ĉu mi ne estis prava, kiam mi persistis: Neniu scias, por kio ĝi estos bona?"

*El „Bilder und Klänge aus Rudolstadt"*
*(dialekto) tradukis Anton Scheerpeltz.*

# Kiamaniere Onklo Jani le Roux travivis sian lastan tagon de la jaro.

De J. Lub „Eenvondige Mense" (La simpluloj).

**Notoj.**

La lastan tagon de la jaro, la 31 an de Decembro, la Buroj nomas „Ou'-Jaar" (malnovjaro).

„Ĉiopova" estas afrika esprimo.

La Buroj nomas instruiston „Majstro" (Meester). Se la Buroj ŝatas iun, ili nomas lin „malsovaĝa" aŭ Anglo, aŭ Holandano.

„Maljunulo" aŭ „maljunfilo" la Buroj nomas eĉ infanojn. „Viro" ili ankaŭ nomas eĉ infanojn, eĉ kiam unu virino parolas al la alia, ili ofte nomas unu la alian „viro" (Mann).

Mi mem ofte aŭdis Burojn dirantaj „ĝis la revido" anstataŭ „kiel vi fartas" aŭ „bonan tagon". Ili ne scias, kion signifas „ĝis la revido".

Mi ne parolas pri ĉiuj Buroj, sed pri tiuj, kiuj loĝas malproksime de la urboj.

„Konkurskuroj" angle „races".

Unu semajnon post novjaro mi malrapidiĝante travaĝis la Pritchard-straton. Vi verŝajne diros, ke tio estas tre simpla okazintajo. Sed, se vi havas okulon ne nur por belaj butikfenestraj elmontrajoj, sed estas unu el tiuj, kiuj ankaŭ volas studadi diversajn tipojn, mi povas rekomendi al vi, iri tien dum iu sabata posttagmezo. Mi jus estis okupita pri aŭskultado de konversacio inter du sinjorinoj, tre pudritaj kaj pentritaj, kiuj (tio, vi devas konfirmi ĝin, en si mem estas malofta okazintajo) interkonsente trovis, ke sinjoro, kiun ili nomis „la pala Ĝorĝo" (George) „estas agrablega" [1]), kiam mi subite sur la ŝultro ricevis ekfrapon, kiu min (por uzi la favoran esprimon de Pit Paaltjes) „ekskuis ĝis mia fundamento".

„Ĉiopova! ĉu vi, Majstro, ankoraŭ vivas?!"

Mi havis iometan memoron pri pli multaj tiaj ŝultrofrapoj en la antaŭ tre longe pasintaj tagoj, kaj kiam mi ekaŭdis la voĉon, mi memoris mian malnovan amikon Jani le Roux, sur kies farmbieno mi travivis la unuan jaron en tiu ĉi lando. Estis la sama frapo, kun kiu Onklo Jani ĉiam min prezentis al siaj amikoj, kiam li nomis min „sia malsovaĝa Holandano". Mi ĝojis lin vidi, kaj kun la kutima afrika ekkrio „Ĉiopova!" kiel vi fartas, Onklo Jani?" ni forte manpremis. Kiam mi eĉ nur pensas pri tio, mi ankoraŭ sentas la manpremon. Multfoje li petis, ke mi vizitu lin, sed ĉiam okazis ia malhelpajo, kaj mi neniam iris. Nun, post dek tri jaroj, ni denove trovis unu la alian.

„Venu, Onklo Jani, ni sidiĝu kune, tiam ni povos trinki glason da biero, paroladi kaj rakonti unu al la alia, kiel niaj aferoj staras."

Mi pensis, ke mi bonege konis Onklon Jani. Li estis en aĝo de sesdek jaroj, rekta kiel kandelo, kaj malgraŭ siaj blankaj haroj li havis junan aspekton. En la pasinta tempo ni ofte kune trinkis glaseton, eĉ okazis en unu novjartago, ke li konfidis al mi, ke li la antaŭan vesperon estis „iomete malforta sur la piedoj". Imagu do mian surprizon, kiam li ekkaptis mian brakon kaj ekkriis: „Ne bieron, mia kunulo, ne bieron, ne, amiko; kafon, kafon por mi!" „Bone", mi diris, ne tute komprenante tiun ekscitiĝon, „tiam nur kafon", kaj ni malsupreniris en saloneton, kie juna fraŭlino kun alta kolumo, senornamaj, glataj manumoj, ruĝaj haroj kaj „profesia rideto" servis al ni kafon.

Onklo Jani rigardis ŝin kritike.

„Malsaneta, eh?"

„Jes, eble."

Ni volis gustumi la kafon, sed ĝi estis tro varmega por ni. Onklo Jani rakontis nun pri sia edzino, kiu ĉiam estas malsaneta, pri siaj filinoj, kiuj intertempe edziniĝis, kaj pri sia plej maljuna filo, kiu estis pafmortigata dum la milito. Miaflanke mi ankaŭ konfesis pri ĉio, kion mi memoris; poste ni sidis iom silentaj. Onklo Jani rigardis min tiamaniere, kvazaŭ li volis certiĝi, ĉu mi ankoraŭ estas la sama „malsovaĝa Holandano", la sama „maljunfilo" kiel antaŭ dek tri jaroj.

Mi rimarkis, ke li volas paroli pri io, sed atendis mian instigon. Post kelkaj minutoj ŝajnis al mi, ke li ne povas plu reteni sian sekreton, kaj nur atendis ian kuraĝigon por paroli.

„Nu, Onklo Jani, kiel oni fartas nun?"

„Majstro", li diris solene „vi ĉiam estis bona maljuna filo, kaj miaj infanoj tre amas vin. Kiam ili vizitas min, ili ĉiam parolas pri vi. Mi pensas, ke vi tute ne ŝanĝiĝis". Kritike rigardante mian figuron, li aldonis: „Vi nur fariĝis iomete dikventra". Ni denove silentiĝis.

Subite li komencis:

„Majstro, kiel malnova amiko mi devas rakonti al vi pri io, kio okazis al mi en tiu ĉi malbenita loko. Sed, kunulo, vi pri tio ne parolu!" Mi ne respondis, kaj Onklo Jani daŭrigis kun ekĝemo.

„Majstro, mi havis teruregan sperton dum la pasinta jaro. Kunulo, viro, mi havis kruelegan sperton."

Mi atendis.

„Vi devas scii, ke mi alveturis tien ĉi, kune kun mia maljunulino, por aranĝi la aferon pri mia farmbieno en la Boŝveld. [2]) Mia nevo, kiu loĝas tie ĉi, skribas al mi: ke mi povas alveturi tien ĉi, sed, li diras, ke li devas forveturi al

[1]) anpully vice.

[2]) Arbetaj-kampo.

Kapurbo[3]), sed tio, li diras, nenion signifas, ĉar li skribis la nomon de la leĝisto, kiun mi bezonas, sur papereton, por ke mi tiun rapidege povus trovi.

Nu, ni alvenas al la nevino.

Post la fervojveturado ni ne fartis bone. Mia maljunulino, vi devas scii, neniam antaŭe veturis sur fervojo. Ŝi sin sentis malforta, kaj mia kapo doloris. —

Post kelktaga ripozo mi iris al la leĝisto, kaj ni provizore aranĝis la aferon.

Estis ĝuste la lasta tago de la jaro.

Tuj post kiam ni ĉion „iamaniere" finis, diras la maljuna leĝisto: „Venu trinki glaseton", kaj ni eniris en drinkejon. La nomon de la loko mi jam forgesis, mi scias nur, ke ĝi estas respektinda ejo.

Tie staris amaso da homoj trinkantaj kaj babilantaj kune kun la bela filino, kiu servis al ili la trinkajon. Mia leĝisto diras al la ĉeestantoj: „matenon", manpremas ĉiujn kaj enkondukas min. Ili diras, ke „ili estas feliĉaj, konatiĝi kun mi" (ili parolas nur angle) mi ankaŭ manpremas ilin, kaj diras „ĝis la revido".

Ni mendas bieron; ili ĉiuj suprenlevas siajn glasojn, kaj tostas je mi, tiel bone, kiel angloj povas en nia afrik-holanda lingvo. —

Mi eltrinkas mian bieron, kaj unu el la ĉeestantoj diras: „prenu alian", kaj mi trinkas denove. Ili ne havis la bonan afrikan brandon „dop", la biero malvarmiĝis mian stomakon, kaj por varmiĝi mi prenis glaseton da „viskio", same kiel ili. Nun, Majstro, mi fariĝas gajega kaj komencas paroladi, ĉar iomete mi scias la lingvon de la anglolandanoj. Ĉio iris plezure, sed subite mi ekaŭdas, ke unu el la junuloj diras, ke mi estas „gajega Buro".

Prave mi koleriĝis. Mi turniĝis liaflanken kaj diris: „Mi estas Sinjoro[4]), kaj mi ne volas esti ofendata de vi". Mi daŭrigis, ke mi bone scias, ke mi estas farmomastro[5]), sed ke li ne pensu fari ludilon el mi. Tiam alvenas la leĝisto kaj diras, ke la junulo tute ne intencis ofendi min, li nur sensence babiladis, kaj nun li pardonpetas. Mi diras, ke mi tute ne konas lin; la leĝisto denove diras, ke la junulo pardonpetas.

Mi trinkis ankoraŭ unu glaseton, kaj ni disiris.

Nun mi devas diri al vi, Majstro, mi mem ne scias, ĉu estis la biero aŭ la viskio, kiu kaŭzis, ke kiam mi estis en la freŝa aero, mi sentis ion en mia kapo, ion, kio tute ne taŭgis, kaj mi foriris foirflanken. Tie staris amaso da terure kriantaj hebreoj. Amaso da stratbuboj tenis libretojn kaj kriadis: „Race caro"[6]). Unue mi pensis, ke ili kriadas pri konkurskuroj, similaj al tiuj, kiujn ni havas sur nia farmbieno; poste mi pensas: ne, ili kriadas pri la nova afero, pri kiu nia nova Majstro[7]) ĉiam paroladas, tio estas: „la Unuiĝo de du rasoj", per tio li celas la anglojn kaj nin Burojn.

Tial mi aĉetis libreton kaj pensis, ke mi montros ĝin al mia maljunulino.

Mi donas al la bubo du ŝilingojn kaj ses pencojn kaj diras, ke li rapidege alportu al mi la ŝanĝajon. Li kuras al la ĉifonvendista hebreo, kiu kriegas kvazaŭ li estus freneza. La bubo kuras al alia kaj alia, ĝis kiam mi ne plu vidis lin. Vi devas scii, Majstro, ke mi ĉiam sekvis lin kaj pensis:

„Sentaŭgulo, vi ne trompos min".

Denove mi vidas lin, mi kuregas kaj kaptas lin, li terurege krias.

Ĉiuj hebreoj kaj hindoj kuras, kriegas, kaj la bubo diras, ke li havas neniun monon. Nun vi devas scii, ke mia kapo turniĝis, kaj antaŭ miaj okuloj la surtutoj de hebreoj kaj la longaj blankaj vestoj de hindoj ĉirkaŭturniĝis. Kiam mi poste reakiris miajn sentojn, mi sidis sur la foiro, apud la loko, kie la ĉevaloj trinkas.

Mi jus revigliĝis de mia profunda dormo. Antaŭ mi staris granda nigrulo, kiu havas en unu mano kafran puŝtranĉilon[8]), kaj pezan bastonegon en la alia. Li estis vestita en malhelblua vesto, kaj nigra kapkovrilo kuŝis sur lia orelo; tiu kovrilo ŝajnis esti io simila al la buterskatolo de „Harmen"[9]) kiun ni antaŭe aĉetis.

Tiu ĉi nur estis nigra kaj alligita per rimeno ĉirkaŭ lia kapo.

Tie staras la „malpurajo" antaŭ mi kaj tiras la du vostetojn de sia nur tre malgranda barbo, kaj li diras al mi „moviĝu!"

Nu, vi scias, Majstro, ke malrespektplenan nigrulon mi abomenas, kaj dum la tempo, kiam mi estis en ofico kiel „oficiala kampestro"[10]), mi ne ŝparis bastonon. Tie staras nun la „malbelaĵo" kaj parolas angle al mi. Mi ekkoleris kaj diris al li, ke mi volas montri al li, kio estas ofendi „Buron", sed tie staras alia nigrulo, ankaŭ kun kovrilo apud orelo, kaj tiu ĉi „malpurajo" diras holande „la maljunulo estas ebria".

„Kunulo", tiam mi ekkoleris kaj nur volis bati, sed ili kaptis min furioze ĉe la brakoj, samtempe alvenis policano, kaj por diri al vi la veron, la trinkajo tiom senfortigis min, ke mi estis kontenta iri eĉ al la policejo. Feliĉe noktiĝis, kaj mi diras al vi, mi tre hontis.

[3]) Cape Town.
[4]) Gentleman.
[5]) Buro.
[6]) Enirkarto al la ĉevalkurejo.
[7]) Instruisto.
[8]) Asegai.
[9]) Harmens butter.
[10]) Veld kornet.

Ne ridu do, Majstro, kunulo, vi scias, ke mi estas diakono de nia preĝejo, kaj „mi" estis kondukata tra la stratoj kvazaŭ malliberulo. Kiam ni alvenis en la policejo, ili diris, ke mi estas ebria kaj malordema, sed se mi donus monan garantion, mi povus iri hejmen, alie mi devus resti tie. La timo sobriĝis min, kaj mi palpis miajn poŝojn, sed vane — tie nenio plu estis.

La Johannesburg'aj friponoj elprenis la monon el mia poŝo, kaj mi estas certa, ke mi havis tie pli ol kvar funtojn. —

La papero kun adreso de la domo en Jepa-Urbo[11]) kie mi loĝis, ankaŭ forestis, kaj nun mi estis devigita resti en la malliberejo.

Ili jus volis forkonduki min, kiam eliras viro el unu el la apudaj ĉambroj, rigardas min, rerigardas, kaj diras:

„Ĉiopova! Sinjoro le Roux, kion vi faras tie ĉi!"

Ĉu vi kredas min, ke tiu estis la sama anglo, kun kiu mi trinkis dum tiu sama mateno, kaj kiu volis pardonpeti. Mi rigardas lin, kaj li rigardas min. Li alproksimiĝis al tie staranta policano kaj iomete interparolis. Poste li demandas min, kie mi loĝas, kaj mi diras, ke mi ne scias. Tiam la maljunulo ridis, kaj diris „ke mi ne plu faru tion."

Li metis min en fiakron, diris al la veturiĝisto mian adreson, kaj kiam mi volis danki lin, li diris, ke li ĉion aranĝos kun mia leĝisto.

Nur poste mi eksciis, ke li estas detektivo.

Nu, Majstro, vi konas mian edzinon. Ŝi povas multe paroli, kaj kiam ŝi estas kolera, ŝi estas vera kolerulino.

Ho, Sinjoro, kiajn maldolĉajn vortojn mi aŭdis! Nur tiun ĉi matenon, por la unua fojo, ŝi denove nomis min „sia maljunajo".

Nun mi scias, ke ŝi tute pardonis al mi. Tiamaniere, Majstro, staras la aferoj." —

Kiel vi bone komprenos, mi nur kun granda malfacileco povis teni gravan mienon, kaj ankaŭ nur, ĉar Onklo Jani, kiu, kiel „kolono de preĝejo", tiel serioze pensis pri tio, ke mi aldonis ellason al miaj sentoj.

Ni finis ĉiu po tri tasoj da kafo, kaj kune eliris.

Mi jus volis diri adiaŭ „kun multaj salutoj al lia edzino kaj geinfanoj"[12]), kiam mi denove eksentis lian grandegan manon sur mia ŝultro, kaj li diris:

„Maljunfilo, mi neniam trinkos bieron, kaj viskion neniu iam enmetos en mian buŝon, sed kunulo, se vi scias pri iu loko, kie oni povus trinki glaseton da bona afrika brando[13]), tiam mi havas nenion kontraŭ la trinkado de glaseto.

Ni trinkis kune glason da brando, kaj post forta manpremo kaj mia promeso, viziti lin, ni disiris.

Mi vizitis lin, kaj onklino Ani demandis min, ĉu mi aŭdis pri la terura afero, kiu okazis al ŝia edzo, kiu estas diakono, kaj kiu hontiĝis, dum la lasta tago de la pasinta jaro, la tutan aŭdantaron.

„Eĉ post multaj jaroj la Johannesburg'anoj rakontos pri tio", diris la maljunulino, „kaj se nia aŭdantaro aŭdus pri tio, ili devus severe riproĉi mian edzon."

„Vi scias, Majstro", ŝi konkludis, „mi havas nenion kontraŭ ia gajeĝajo, precipe dum la lasta tago de la jaro, sed tio devas esti hejme, ĉe si; sed mi diras, ke diakono, preĝeja servisto, kiam li volas trinki glaseton, certe tion devas fari hejme".

Onklo Jani sidis kvazaŭ konfesanto kaj timeme rigardis min.

Mi diris „jes," kaj tiam ni denove trinkis kafon, poste ni manpremis, diris adiaŭ, kaj reciproke sendis salutojn al niaj geparencoj tiel, kiel mi faras nun al vi, sed nur ne manpreme.

*Trad. R. Spero. Pretoria.*

## Edziĝa rakonto.

De Fritz Reuter.

„Bonan matenon, sinjoro". — Kun tiu ĉi saluto la maljuna murmurema kaj malafabla taglaboristo Jochen Säbenbrodt eniras la ĉambron de sia bienestro.

„Bonan matenon! Nu, maljuĉjo, kion vi deziras?"

„Ha, sinjoro", respondas Säbenbrodt kaj tordas sian ĉapon pro embaraso, „estas stranga afero."

„Ĉu tiel? kaj kia?"

„Ha, sinjoro", diras Säbenbrodt kaj kurbiĝas kaj tordas sian ĉapon pli forte, „mi volus, ke la diablo estus min forpreninta, kiam mi implikis min en la aferon!"

„Nu, diru do! kion vi volas?"

„Edziĝi mi volas, sinjoro."

La fatala vorto estas parolita, la ĉapo ne tordiĝas plu.

„Edziĝi? — Ĉu vi estas freneza? — Vi havas pli ol sesdek jarojn, kaj du edzinoj jam mortis. Mi pensas, ke tio do fine devas sufiĉi al vi."

„Ĉu mi ne diris tion? Ĉu mi ne ĉiam diris tion? Kion diros nia estro pri tio! mi diris; kion li diros, Jochen, se vi ree volas edziĝi."

„Nu! Ĉu vi do jam konas knabinon, kiu volas fariĝi via edzino?"

[11]) Jeppestown.
[12]) Afrika kutimo.
[13]) Dop.

„Jes, jes, sinjoro, sufiĉe da knabinoj! Ekzemple Fik Schulten kaj Korlin Kräugers kaj Marik Schröders kaj Dürt Bolten kaj ankoraŭ ĉiuj ceteraj; sed tiun, kiu volas fariĝi mia edzino, mi ne konas, se mi tion dirus, mi mensogus."

„Sed mia Dio! Vi ja devas havi fianĉinon, se vi volas edziĝi."

„Jes, sinjoro, tiun mi ankoraŭ trovos! Mi jam strabe rigardis iom Lisch Fleischfreters, kaj la ŝafisto diris — vi ja scias, ke li ĉiam parolas tiel sprite — la ŝafisto diris, ke mi devus edziniĝi ŝin, ĉar tiam ‚Fleisch' (viando) kaj ‚Brod' (pano) kuniĝus.*) Mi konsideris tion kaj pensis, ke ŝi ja ankaŭ havas du infanetojn, kiel mi, kaj ke oni ja povus satiĝi la kvar pli facile, se ni kunigus ilin."

„Nu, ĉu vi jam parolis kun ŝi?"

„Ho ne! sinjoro, tute ne! Mi volis unue vin sciiĝi pri la afero kaj peti vin . . ." — la ĉapo ree ektordiĝas — „kaj mi volis demandi vin . . . — mi pensis, ĉu vi bonvolus helpi min kaj foje paroli kun Lisch pri ŝia „elekteco"."

„Ha! mi devas esti via svatisto? Nu, tio estas gajiga!"

„Jes, sinjoro, gajiga tio estas; kaj kion vi diras, estas vera, vi ĉiam estas prava! Sed se vi diros ĝin al ŝi, ŝi edziniĝos."

Al la bienestro la afero ŝajnis tiel amuza, ke li decidis, ludi la nekutiman rolon de svatisto.

* * *

Lisch Fleischfreters eniras la ĉambron de la bienestro. Ŝi estas peonie-ruĝeĝe floranta juna knabino de eble tridek ses jaroj.

„Lisch, mi venigis vin kaj volis demandi vin, ĉu vi deziras edziniĝi?"

„Ho! Dio gardu min; kiel mi ektimis! Sinjoro, vi ŝercas!" Kaj Lisch prenas la pinton de sia antaŭtuko, volvas ĝin ĉirkaŭ la mano kaj viŝas per ĝi la buŝon, kiel tiu, kiu havas grandan apetiton je manĝaĵo kaj pro manko de ĝi almenaŭ volas prepari sin por la bonega ĝuo, kiu atendas lin.

„Ne, Lisch, la afero estas vera; mi nepre diras la veron."

Lisch sekrete observas sian bienestron el sub la antaŭtuko, kaj kiam ŝi vidas, ke li tute serioze staras antaŭ ŝi, ŝi diras: „Kara Dio, kio okazos al mi! Mi ĉiam kredis, ke mi ne edziniĝus kaj nun tamen . . . — sinjoro, kiu li do estas?"

„Jochen Säbenbrodt volas edzinigi vin."

„Joch — — Jochen Säbenbrodt?!!" Kaj Lisch faligas la antaŭtukon, ŝiaj brakoj falas malsupren kaj ŝi mem ankaŭ pro ektimo preskaŭ estus falinta, kiam ŝi aŭdis la nomon de sia estonta edzo.

*) Vortludo pri la nomoj Fleischfreters kaj Säbenbrodt.

„Nu, ĉu tio ne estas agrabla al vi?"

„Ha, sinjoro, mi opiniis, ke estus juna viro; mi pensis, ke estus nia veturigisto. Ne, sinjoro, Jochen Säbenbrodt? Ne, sinjoro! Kaj se mi devus resti en mia fraŭlina stato ĝis mia centa jaro, tiun mi ne edzigos!"

„Mi ankaŭ ne volas ekkonvinki vin. Vi nun povas foriri."

Lisch foriras kaj fortege protestas en la vestiblo al la ĉambristino kontraŭ la eble ekestanta suspekto, ke Jochen Säbenbrodt estas ŝia sekreta amaĵo. Ŝi detale klarigas la aferon ka finas per la vortoj: „Kion do pensas tiu naŭzulo!" — —

Vespere Jochen Säbenbrodt venas al la bienestro kaj denove tordas sian ĉapon:

„Bonan vesperon, sinjoro! Nu? Mi vidis vin iranta en la domon kaj mi pensis, ke mi do volas foje . . . kiel finiĝis la afero, kaj kion ŝi diris pri tio, kaj . . . —?"

„Hm, Säbenbrodt, ŝi ne volas edziĝi vin."

„Ŝi ne volas? Ĉu vere? Ĉu ŝi estas grafino? Ĉu ŝi opinias, ke ŝi estas naskita princino?!" Tion dirante Säbenbrodt aŭdigas vere diablan mokridegon, jetas la malfeliĉan ĉapon sur la plankon kaj krias: „Tion mi volas vidiĝi ŝin! Mi trovos tute alian! Mi konas virinon, kiu havas tri pakojn da tolo en sia kofro kaj belan liton, kaj ŝi estas belega kaj en la ĝusta aĝo. Kaj, sinjoro, se vi permesas, mi volas iri al Jessnitz kaj tie detale ŝin rigardi, ĉu ŝi konvenas al mi, kaj kion ŝi pensas pri la afero. Korl Schult ja povus ŝoveli la sterkon anstataŭ mi. Jes, mi trovos pli bonan virinon."

„Jes, mi permesas ĝin al vi."

„Kion do pensas la knabinaĉo? Mi trovos multe pli bonan edzinon. Mi jam sciigis ŝin, ĉar mi pensis: Jochen Säbenbrodt, ne pendigu en tiaj cirkonstancoj vian vestaron nur sur unu pendiĝilo. Kaj se via moŝto konsentas, mi sciigos vin morgaŭ vespere kaj tuj kunvenigos la virinon kaj montros ŝin al vi. — Bonan vesperon!"

„Bonan vesperon!"

* * *

La proksiman vesperon la bienestro jam en la vestiblo aŭdas la laŭtegajn vortojn: „Kiel vi kondutas? Ĉu vi ne fartas bone? Li ne mortigos vin!" Kaj Säbenbrodt eniras la ĉambron, trenante je la brako sian amatinon kaj puŝante ŝin de tempo al tempo per la kubuto — pro pli granda klareco. „Nu, sinjoro! — Dio min gardu, ĉu vi falas? Malfermu do viajn okulojn!" — Tiu ĉi admono estas direktita al lia fianĉino, kiu faletas sur la sojlo. — „Nu, sinjoro, bonan vesperon! Tie ĉi ŝi estas! — Ha! Ĉu eble? Vi ja eniras la kraĉujon! — Pardonu, sinjoro, ŝi estas iom miopa, ŝi ne

povas bone vidi! sed alie — ĉu ne? Kion vi opinias? Ĉu vi kredas, ke ŝi . . . .? Multon oni ja ne povas postuli! Sed — se ni ne atentas la variolajn cikatrojn — ŝi estas ne malbela virino. — Ĉu ne?"

„Tio estas ebla, Säbenbrodt. — De kie vi venas, filinjo?"

La fianĉino rigardas la sinjoron, rigardas la fianĉon kaj silentas. Säbenbrodt puŝas ŝin per la kubuto: „Respondu do, se la sinjoro demandas vin! — Ha, ja! — Ja, sinjoro, surda ŝi ankaŭ estas, aŭdi ŝi ankaŭ ne povas. Sed mi pensis: Ni ja ĉiuj havas niajn mankojn."

„Jes, jes, vi estas prava, Säbenbrodt."

„Kaj mi pensis ankaŭ, ke mi do havos iun en mia domo, ŝi ja ankaŭ matene povas friti al mi la terpomojn, kaj plue mi volis montri al Lisch Fleischfreters, ke mi trovis ankaŭ alian edzinon, kaj fine mi ne volis iri sensukcese la longan vojon al Jessnitz kaj fari sensukcese la klopodojn, kaj se estas agrable al vi, sinjoro, mi tamen volas edziniĝi ŝin."

„Tion vi mem plej bone povas prijuĝi."

„Nu, adiaŭ! Mi do edziniĝos ŝin! (kriegante en la orelojn de sia fianĉino:) knabinjo, faru riverencon kaj ne denove eniru la kraĉujon!"

*El platgermana dialekto*
*trad. Wilhelm Höppner, Rostock.*

## Aforismoj.

Neniam estu fiera pri venko de koketa virino, ĉar tian ja kiu ajn facile venkas.

*

Malfideleco estas klopodo, esti fidela al iu alia.

*

Mi ankoraŭ neniam vidis „rompitan" virinan koron, kiu ne estus estinta ree kunfandebla.

*

La modo estas la sola potenco, kiun la virinoj senkondiĉe obeas.

*

Oni nur malofte perfidas amatinon pro edziĝo, sed ofte la edzinon pro amajo.

*

Se oni edziĝas laŭ sia propra gusto, tiam ofte okazas la malfeliĉo, ke oni trafis ankaŭ la guston de aliaj.

*

Sub rideto de virino ofte kaŝiĝas larmo de viro.

*

Ju pli da libereco la virino donas al viro, des pli ŝi sklaviĝas lin.

*Laŭ germanaj tekstoj trad. Iu.*

# Por lernantoj kaj komencantoj.

## Kristo kaj la du virinoj.

Elzasa legendo.

Foje migrante, Kristo iun malfruan vesperon nekonata kaj kiel almozulo frapis sur la dompordo de maljuna, malriĉa vidvino, kiu loĝis je l' fino de bela vilaĝo. Humile li petis pri rifuĝo dum la nokto.

La virino jam estis en lito, sed tuj ŝi elsaltis el ĝi, por plenumi lian peton; ŝi reekbruligis sian olean lampeton, kaj kiam ŝi ekvidis la lacan viron, ŝi igis lin sidi apud la tablo, kuris en la kuirejon kaj alportis ĉion, kion ŝi ankoraŭ posedis kiel manĝajojn kaj pretigis ilin rapide por li.

Ŝi posedis ankaŭ en sia kelo bareleton da vino, kiun piuloj donacis al ŝi antaŭ longe, kaj de kiu ŝi trinkis glaseton nur dimanĉe kaj festotage. Nun ŝi pleniĝis la kruĉeton ĝis la rando, do pli multe ol kutime, kaj metis ĝin antaŭ Sinjoro Kristo.

Kaj dum ĉi tiu sidis apud la tablo, sin satigante, ŝi tiris el sia lito matracon kaj portis ĝin en la apudan ĉambron, por tie pretigi ripozan liton por la gasto; ŝi alportis ankaŭ kusenon kaj lanan kovrilon kaj poste sidiĝis kontraŭ la fremdulo, por ĉiamaniere lin amuzi.

Kiam Sinjoro Kristo estis sata, li parolis kun ŝi pri diversaĵoj kaj poste iris en sian ĉambreton.

Frumatene li adiaŭis kaj lastan fojon dankis sian pian kaj bonkoran mastrinon, kiu insiste lin petis, akcepti la matenmanĝon. Sed afable li malakceptis kaj fine ŝin forlasis kun jenaj paroloj: „Via unua ago, bona virino, estu benita".

Sed la malriĉa vidvino atentis la lastajn parolojn malpli ol multajn aliajn kaj belajn, kiujn la fremda gasto estis dirinta; kaj kiam ĉi tiu estis for, ŝi hazarde iris en la kelon, por reverŝi en la bareleton la vinon, kiun Sinjoro Kristo postlasis en la kruĉeto.

Sed ho! Estis ja nur malmulte da vino en la kruĉeto, kaj nun ĝi tute ne plu malpleniĝis, kaj la vino, per miraklo de Dio, konstante elfluis el la kruĉeto, eĉ kiam la bareleto jam estis plena. La bona virino fine devis aĉeti multajn grandajn barelojn, kiujn ŝi pleniĝis je vino.

Kaj ĉar la mirakla benitaĵo neniam ĉesis flui, la virino, post mallonga tempo, fariĝis riĉega. Sed tamen ŝi restis fidela al Dio kaj neniam forgesis danki Kriston — ĉar tiun ŝi estis ekkoninta en sia gasto — kun humila koro, kaj ŝi parte donacis sian havon al siaj antaŭaj samsortuloj, al la malriĉuloj kaj mizeruloj.

Dume ĉi tiu okazintaĵo kaŭzis ĉie grandan miron kaj nature ankaŭ envion en la koro de kelkaj aliaj homoj.

La riĉa kaj tre monamanta muelistino, kiu loĝis ekster la vilaĝo, ne plu povis dormi de post tiu tempo, tiel ke ŝi fine iris al la vidvino kaj diris: „Aŭskultu: kiam Kristo denove venos al vi, sendu lin ankaŭ al mi!"

La vidvino tion promesis, kaj baldaŭ Sinjoro Kristo denove venis al sia gastema mastrino, sed tiun ĉi fojon ne en almozula vesto. La virino sin ĵetis teren antaŭ li kaj dankis lin kun mil larmoj pro la bonfaro; kaj fine ŝi ankaŭ rakontis al li, kiom la muelistino deziras lin akcepti en sia domo. Kristo konis la koron de tiu virino, sed tamen tuj iris al ŝi.

Kia ekscito, kiam li tie alvenis! La muelistino malsupren kuregis la ŝtuparon, renkonten al li, kaj denove supren en la kuirejon. Kaj nun ili buĉis kolombojn kaj kokinojn, ili bakis kukojn, dek fajroj samtempe flamis: koro, kion vi plie deziras?

Kaj granda tablo estis kovrata de multaj, arte pretigitaj manĝaĵoj, kiujn oni ekvidas nur en plej riĉaj, grandurbaj domoj. Tio, kion la Savinto dume pensis, estas facile imagebla. Li ankaŭ nur tre malmulte manĝis, kvankam la virino konstante kaj insiste petegis lin — post mallonga tempo li adiaŭis. Timeme kaj atendeme ŝi lin akompanis al la sojlo de l' pordego, kie li fine turnis sin al ŝi kaj diris: „Via unua ago estu sekvata de riĉa troeco!"

Kiu nun estis pli feliĉa ol la muelistino? Ŝia plej flama deziro nun devis sin plenumi. Rapide ŝi kuris en sian ĉambron, por tie elpreni saketon el la monŝranko — la saketon ŝi pretigis tuj post la alveno de Sinjoro Kristo — por kalkuli la monon.

Jam la ŝranko estis malfermita kaj la monsako ekprenita, sed ĝuste la rapideco, kun kiu ŝi ĝin ekprenis, estis la kaŭzo, ke ŝi puŝis apudan akvobotelon kaj ĝin renversis. Multege da akvo tuj fluadis sur la teron. La virino rapidege restarigis la botelon, sed vane: senfine la akvo elfluis.

Konfuziĝinta, la virino ekprenis la ujon kaj malesperante kuris el la domo. Sed kien ajn ŝi kuris, tuj larĝa akvofalo ŝin sekvis.

Ŝiajn herbejojn kaj kampojn la akvo kovris post mallonga tempo, kaj pli granda estus la malprofito de la muelistino, se ne fine pia viro estus forportinta la botelon, por ĝin ĵeti en la maron.

*Trad. Charlotte Pulvers, Basel.*

## Nero ĉe la bakisto.

Malgranda Sofio estis sendita de la patrino por alporti panon. Ŝi iris en la panbutikon kaj diris al la bakisto: „Mi petas, donu al mi freŝan blankan panon!"

„Jen, infano mia", diris la viro, „jen vi havas panon, kiu jus venis freŝa el la bakforno. Dum la hejmeniro vi povas varmiĝi viajn manojn per ĝi."

Tion dirante, li envolvis la panon en paperon kaj donis ĝin al la malgranda infano, kiu donis al li la monon por tio. Kiam ŝi malfermis la butikan pordon por eliri, envenis granda vila hundo. Ĝi portis korbon en la buŝego kaj estis tute sola. Sed ŝajnis, ke ĝi tute precize sciis, kion ĝi devas fari. Sofio restis staranta en la butiko, ĉar ŝi ankoraŭ neniam vidis aĉetantan hundon.

„Ho, tie ja estas Nero! Bona hundo! bona hundo!" diris la bakisto. „Ĉu vi venas por preni panon?"

Nero iris al la bakisto kaj levis alten la kapon, kvazaŭ ĝi volus prezenti al la bakisto la korbon. En la korbo kuŝis la mono por la pano. La bakisto prenis la monon, metis ĝin en la montirkeston kaj atendis, kion la hundo nun faros.

Nero mirege rigardis la bakiston kaj komencis laŭte boji: Vaŭ! Vaŭ! „Mi estas maljusta, ke mi incitetas vin, bona hundo", diris la bakisto, „jen vi havas la panon". Li envolvis la panon en paperon kaj metis ĝin en la korbon. La hundo vostumis pro ĝojo. Tiam ĝi ree prenis la korbon en la buŝegon, iris tra la pordo, kiun Sofio tenis malfermata por ĝi, kaj kuris laŭlonge de la strato. Ŝi postiris Neron kaj vidis, kiel ĝi kuris trans la straton kaj en domon, kie sinjorino atendis ĝin ĉe la fenestro.

„Divenu, kion mi vidis ĉe la bakisto", kriis Sofio, kiam ŝi alvenis hejmen. Patrino, patro kaj gefratoj, ĉiuj divenadis: „Kukon, pasteĉon, spickukon, panon, torton ktp.". Jes, ĉion ĉi tion Sofio ja vidis, sed kompreneble ŝi tion ne celis. Fine, kiam ili estis dirintaj ĉion, kio kutime estas videbla ĉe la bakisto, Sofio rakontis pri la saĝa hundo Nero, kiu aĉetis la panon.

*Laŭ A. Friedrich.*

# El la vivo kaj sciencoj.

## Bona konsilo.

**Ne subtenu malriĉulojn per luksaĵoj.**

Se via koro vin instigas ĝojigi malriĉulon, donacu al li ion, kion li necese bezonas: nutraĵon, vestaĵojn aŭ — kun singardo — monon. Sed tute ne donacu al li ion, kio por li estas luksaĵo. Subteno devas celi, krom la forigo aŭ malgrandigo de la mizero, ankaŭ la moralan pliboniĝon de la malriĉulo kaj lin enduki. Ĉi tiun celon via donaco atingas nur tiam, se ĝi estas alĝustigita al la bezonoj de la malriĉulo. Malgranda subteno estas ofte pli bona ol granda. Nekonvena donaco kaŭzas pli da malutilo ol utilo.

*F. Berghold, instruisto kaj zorganto por malriĉuloj, Meiningen.*
*(Laŭ „Allgemeiner Wegweiser".)*

## La sinteza lakto.

De Nikolao Kaposi-Budapest.

Hungara scienculo ĵus faris sensacian eltrovon tre gravan je ekonomia kaj sociala vidpunktoj. La elpensinto estas Dro Gustav Riegler, profesoro ĉe la hungara reĝa universitato de Kolozsvár. Jam de post sep jaroj eksperimentas la sciencula profesoro por produkti sterilan lakton el vegetaloj. Dum la lastaj semajnoj li sukcesis produkti ĥemian preparaĵon, kiu havas saman konsiston, kiel la lakto, kaj kiu, laŭ P-ro Riegler, povas tute anstataŭi la naturan lakton.

P-ro Riegler ne nur celas tion, ke la malsanuloj ricevu sterilan senbakterian nutraĵon, sed li celas plimalgrandiĝi la universalan multekostecon per malkara, nutra, ĥemia preparaĵo tute konforma, laŭ la sintezo, al la natura lakto.

De post jam kelkaj tagoj en la klinikoj de Kolozsvár oni eksperimentas la artefaritan lakton de Riegler.

P-ro Riegler mem diris pri sia eltrovaĵo:

„Kiel sukceson de miaj eksperimentoj mi eltrovis tian ĥemian preparaĵon, kiu povas tute anstataŭi la lakton naturan. La lakto estas farita el vegetaloj. Por elprovi la uzeblecon de mia eltrovaĵo, oni nun uzas po dek litroj de tiu lakto en du sanigejoj de Kolozsvár. Tie oni eksperimentas per ĝi, ĉe la diversaĝaj kaj diversseksaj malsanuloj kaj ĉe la plej diversaj malsanoj. En niaj hospitaloj la malsanaj infanoj kaj plenaĝuloj trinkas la artefaritan lakton jam de post kelkaj tagoj. Mi opinias, ke nur post unu monato la afero estos tute matura.

Kiam ne nur mi, sed ankaŭ la sciencaj rondoj, la ĥemiistoj kaj la kuracistaj profesoroj povos konstati la esencon de l'afero, kaj kiam ili povos konstati ĝin laŭ sciencaj vidpunktoj, tiam mia preparaĵo povos vere tute anstataŭi la naturan lakton.

Ĉefe laŭ sociala vidpunkto estas grava mia eltrovaĵo. Mi deziras malpligrandiĝi la multekostecon en la grandaj urboj, per senbakteria kaj *malkara* nutraĵo.

La artefarita lakto ŝajne estas natura; ĝi havas la saman koloron kaj saman karakteron, samajn ecojn kiel la natura lakto.

La lakto estas en fabriko preparebla el tre malkara materialo. La fabriko povus ĝin liveri al la publiko senbakterie kaj sub ŝtata kontrolo. Precipe en la grandaj urboj tiu ĉi eltrovo havos gravan signifon, ĉar tie la natura lakto estas tre kara, kaj la neriĉa popolo ne povas ĝin haviĝi al si.

Kompreneble oni devas unue elprovi la lakton, ĉu ĝi estas tiel bone digestebla, tiel bongusta kiel la natura lakto. Por tiu ĉi celo mia familio kaj multaj familioj de miaj konatuloj kaj miaj instruatoj uzas la lakton. Ni kuirigas diversajn manĝaĵojn kun ĝi, kaj miaj eksperimentoj sukcesas. El la sanigejoj mi ricevis de profesoroj la sciiĝojn, ke la malsanuloj trinkas ĝin tre volonte, kaj ili diras, ke ĝi estas pli bone digestebla, ol la bovina lakto. Ĉi tiujn eksperimentojn ni daŭrigos ankoraŭ unu monaton. Post unu monato mi aŭskultos la opiniojn de la kompetentuloj kaj de la tute ne profitinteresataj scienculoj; nur poste mi klopodos utiliĝi mian eltrovaĵon."

Multaj personoj demandis P-ron Riegler pri la meĥanika parto de lia eltrovaĵo, sed li diris nenion pri ĝi.

Grandegan signifon donas al la sensacia eltrovaĵo la sociala rilato de la nutrado. Tiu ĉi hungara eltrovaĵo ne nur estas scienca, sed ankaŭ havas ekonomian valoron.

*El „Scienca Gazeto".*

# Pedagogia fako

## 13. Pri verbo kunmetita kun prepozicio.

**Demando:** Ofte mi trovis la vortojn ligitajn kun ... *kun* ... dusencaj; ekz. *kunveni* zusammenkommen aŭ mitkommen; *kuniri* zusammengehen (aus verschiedenen Richtungen kommend, aŭ begleitend); simile: *kunflui, kunpreni.* *E. Kr.*

**Respondo:** Antaŭ ĉio ni devas pripensi la celon kaj rolon de kunmetitaj vortoj; ili estas mallongigoj,

kuntirajoj, permeseblaj ĝis la limo de l' komprenebleco. Tial sama vorto povas esti sufiĉe klara en iu loko, dum en alia ĝi estas malklara. En tiaj okazoj oni devas kompreneble aŭ dispreni la kunmetajon, aŭ enŝovi pliklarigilon. Tial oni ne povas fiksi regulojn, sed devas ĉiam rigardi la apartan okazon, kaj juĝi laŭ ĝi. En la supraj ekzemploj oni povas enŝovi por la relative senmova senco la adverbigilon **e**, kaj por la kuniĝa plue la kazan signon **n**, kiu anstataŭas la prepozicion al. Oni do povas diri: *kuneiri* kaj *kuneniri, kuneveni* kaj *kunenveni* ktp. Sed ĝenerale estas preferinde, ne uzi kunmetajon, se oni ne ŝparas ion per ĝi, sekve oni diru pli bone: *ni iru kune*, resp. *ni iru kunen*. Kiel oni certe sentas, formante kaj aplikante la du formojn, al ĉiu verbo almetiĝas certa nuanco, kiu per si mem almontras al unu aŭ la alia ideo; ekz. ĉe *kunveni* oni pensas prefere pri *kunenveni*, ĉe *kuniri* pri *kuneiri, kunflui* = *kunenflui, kunpreni* = *kunepreni* (kun si) ktp. Tial plej ofte sufiĉas la simpla formo por la senco pli natura, kaj nur por la alia oni uzas la detalan. La vorto *kunpreni* por la senco *kunmeti, kunpaki* ne ŝajnas konsilinda, ĉar *preni* enhavas la ideon de enmanigo, kaj sekve *kun* estas superflua; aŭ oni volas diri: *kunmeti kaj kunpreni*, kaj tiam denove ne taŭgas *kunpreni;* ofte ankaŭ la manko de l' substantivo aŭ pronomo, kiun devus ligi la prepozicio, kaŭzas malcertecon; pli klare estas diri: *prenu kun vi, venu kun mi* k. s. ol kunprenu, kunvenu.

Rezultate: kunmetu nur, se la klareco permesas; en ĉiuj aliaj okazoj kompletigu.

## 14. Pri la helpakcento.

**Demando:** Ĉu oni ĝuste akcentas: „mémor/arto" aŭ „memór/arto"? Ambaŭ elementoj havas sian propran akcenton. *Jab.*

**Respondo:** Absoluta regulo vere ne ekzistas, sed, kiel vi diras, estas konsekvence, lasi la akcenton de l' difina elemento tie, kie ĝi ripozas ĉe memstara uzo de tiu radiko. Efektive tio estas ankaŭ pli natura kaj pli tuje komprenebla, ol se la akcento estas forŝovita; tiu fakto estas ankaŭ tute komprenebla, ĉar la orelo alkutimiĝis al certa akcento, kaj sekve ne toleras ĝian forŝovon; nur ĉe la vortoj formitaj per sufiksoj tia forŝovo estas ne nur permesebla, sed eĉ bezonata, ĉar tie vere la senco aliiĝis; ekz. *béla, belúlo, belulíno*. Tial estas tute prave, konsideri kunmetitan vorton en ĝiaj partoj kaj akcenti ilin same, kiel se ili ne estus kunmetitaj. Do, unusilaban antaŭparton oni tute ne akcentas, plisilaban en la kutima loko; sed oni ne forgesu, ke tiu akcento estas nur helpa, kaj la efektiva nepre kuŝas sur la antaŭlasta silabo de l' tuta vorto; oni do nur pri tio devas atenti, ke oni ne elparolu la alian silabon pli forte ol la diritan. Sed ankaŭ tio ne estas direbla malĝusta, se oni elparolas tian kvarsilabajon tute sen helpakcento, kiel oni ankaŭ povas elparoli radikan vorton kvarsilaban, ekz. *Pentekosto*. — Sed ĉar, kiel mi diris, absoluta leĝo pri tio ne ekzistas, oni povas malkonsenti, sed ne kondamni la aliopiniantojn.

## Mallongaj respondoj.

**E. Kr. en H.** Vian unuan demandon vi vidas respondita detale. Pri la dua ni kredas, ke *Abholer* laŭ la klarigo donita estas sufiĉe bone tradukebla per *forportiganto* aŭ eble *forportanto* aŭ *—adanto*, laŭ tio, ĉu li mem forportas siajn ajojn aŭ forportigas ilin. Ĉar ĝi estas poŝta esprimo, oni devas rigardi la agon de tie, kaj uzi *for*, dum el vidpunkto de l' komercisto la afero estas *al*portigo. — La germ. *abholen* rilate personojn laŭ nia juĝo ne estas tradukebla per *akompanigi*, ĉar oni ja mem akompanas tiun, kiun oni „abholt". La senco, ke tiu alia akompanas poste onin, ŝajnas tro malproksima; pli taŭga ni opinias la esprimon *veni akompani* aŭ *veni por kuniri*, resp. „— *por iri kun vi*" (li, ŝi, ili).

**Jab. en Br.** Kiel vi vidas, ni tute konsentas pri via opinio; nur pri la esprimo *agiĝas*, uzita en via letero, ni ne konsentas. Neniu kaj nenio agas pri akcentado, oni nur parolas, respektive la afero estas pri ĝi. Tial ni preferas diri: *paroliĝas, estas parolate, la afero estas*, aŭ eĉ plej simple kaj plej bone: *estas pri akcentado . . .* Tion ni ne diras riproĉe, sed nur tial, ĉar certe vi ankaŭ ne volonte uzas la formon *agiĝas*, sed pro netrovo de pli taŭga Saluton!

## ═ Grafologia fako ═

**Kondiĉoj por la uzo de nia grafologia fako.**

1. Kun ĉiu demando oni sendu 2—3 skribajojn de minimume po 10—15 linioj, skribitajn, ne speciale por tiu celo, per inko sur papero sen linioj. Nepre rekomendinde estas, ke la skribajoj devenu el diversaj tempoj dum la lastaj monatoj.

2. Oni diru la sekson kaj la aĝon de la skribinto. La grafologo ofte ne povas ekkoni la sekson el la skriboj, tamen tiu ĉi scio estas grava por la prijuĝo de karakteraj ecoj.

3. Oni diru, laŭ kiu direkto specialaj esploroj estas dezirataj, ekzemple pri diligento, devokonscio, akiremo, veramo, natureco, scivolemo, idealismo, realismo, konstanteco, pasioj ktp.

4. Por la prijuĝo de la manskribo de unu persono oni sendu ½ Sm. aŭ per transpagilo, aŭ en 5 respondkuponoj stampitaj, aŭ per germanaj poŝtmarkoj. Krom tio oni aldonu 1 respondkuponon por afranko de la respondo.

5. La adreso por ĉiuj alsendoj estas la nia, sen iu aldono. Sed oni ne forgesu sufiĉe klare montri sian adreson!

**Adoranto de Mario.** Nu, bela Marinjo, tio ne estas io aparta! La kara junulo ja ekdormas ĉe la deka kiso. Mankas al li la vera temperamento, la vera, brularda fajro de adoro kaj respekto al la plej belaj artajoj de Dio. — Li tre volonte ordonas, aŭ li deziras, ke oni alkutimiĝu al li. En sia profesio li estas diligenta. Ankaŭ en alia rilato li estas bona homo. Nur trograndiĝi kaj fanfaroni li iom ŝatas. Li estas nerveca, malkvieta kaj nekontenta en sia interna vivo. Ekstere li estas akurata, agrabla homo, kiu scias sin bone vesti. Sed ni volas lumigi la internan homon, tion, kion oni ĝenerale ne vidas, kaj tie — hm, hm — kara Marinjo, la grafologo vidas kelkajojn, kiujn enamiĝinta, ĉarma knabineto, kiel vi, ne vidas. Tie estas unue iom da malveramo, ne tro multe, sed tamen ĝi ekzistas. Plue malgranda koleremo, kiu eĉ — se li iam estos ordonanta edzo — povos transiĝi en koleregon. Li estas tre kaprica kaj ŝanĝema; tiaj homoj, kara Marinjo, neniam estas tute fidelaj, sed nur tiel longe, kiel ili staras sub la okuloj de sia ĉi-tiama Diajo. *R. E.*

# ≡ Por kolektantoj ≡

## Esperantaj sigelmarkoj.

**Mallongigoj:** E: eldonita; A: aĉetebla ĉe; F: formato; Gr: grandeco de l' bildo (horizontale × vertikale); Pp: papero; Pr: prezo po 100 pecoj; Ss: subspeco aŭ vario; T: teksto; d, md: dekstre, maldekstre; pf: perforita (dentita); s, ms: supre, malsupre.

### Novaĵoj el Germanujo.

**A II.**

E: Majo 1912 de la Kongresa Komitato en Danzig-Zoppot. A: F-ino M. Schulz, Danzig, Kaninchenberg 14. Pr: 0,400 Sm.

1. La blazonoj de Danzig kaj Zoppot, s Esperantostelo, verde enpresita. Pp blanka. T blanka sur verda fundo, reliefe presita, md: VII. Deutscher Esperanto-Kongreß, d: VII. Germana Esperanta Kongreso, ms: Danzig 27. 7. — 1. 8. 1912 Zoppot. F: triangula, Gr: 39×48 mm, tranĉita.

**B Ib.**

E: Aŭg. 1912 de Bavara Ligo de Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista. A: R. Scholz, Augsburg, Sulzerstr. 17. Pr: 0,400 Sm.

2. Blanka Esperantostelo sur verda fundo, nigra kadro el linioj kaj punktoj. Monogramoj (s) IK (ms) EU. T (nigra) md: 2. Mi donis kiel helpanto. 2, d: 2. Antaŭen kun kredo. 2. Nigraverda sur blanka Pp. F: rektangula, Gr: 25×33 mm, tranĉita.

**B III.**

E: Okt. 1912 de Ader & Borel, Dresden, ne aĉetebla.

3. T blanka, reliefe presita, sur verda fundo: Ader & Borel G. m. b. H., Esperanto-Verlag, Verlags-Anstalt, Dresden-A. 1, Struvestr. 40. Pp blanka. F: rektangula, la anguloj rondigitaj, Gr: 41×14 mm, tranĉita.

E: Sept. 1912 de Ader & Borel, Dresden, ne aĉetebla.

4. T en kvadrata kadro: Lernen Sie die internationale Hilfssprache Esperanto. Kostenlose Auskunft erteilt Esperanto-Zentrale Dresden-A. 1, Struvestr. 40 (t. e.: Lernu la internacian helplingvon Esperanto. Senpagajn informojn donas Esperanto-Centrejo Dr.-A.), s Esperantostelo en ringo de 18 steletoj. Nigra sur flava Pp. F: kvadrata, Gr: 42×42 mm, pf. 11½.

E: Sept. 1912 de Esperanto-Propaganda Instituto, Leipzig 18. A: K. Steier, Leipzig, Lindenstraße 18. Pr: 0,500 Sm.

La bildo de Zamenhof en Esperantostelo sur terglobo, en la anguloj E.-steloj kun litero E kaj radioj. T ms la stelo: Dro L. L. Zamenhof, en la ringo ĉirkaŭ la terglobo: La tuta mondo estas nia agadejo, (inter 2 steletoj) Esperantujo: s la ringo (tre malgranda): Leĝe protektita, ms (same): Gesetzlich geschützt, ms sur alpendaĵo: Informoj kaj prospektoj per la societoj de tuta mondo aŭ per Esperanto-Propaganda Instituto, Leipzig 18. Reliefe presita sur blanka Pp. F: rektangula, Gr: 41×56 mm, tranĉita. 2 specoj:

5. Verda.
6. Brunruĝa.

E: Okt. 1912 de la sama instituto. A: same. Bildo de Zamenhof, d kaj md laŭrogirlandoj. T s la bildo: Esperanto Lingvo Internacia, d ms sur la bildo: Dro L. L. Zamenhof, ms la sama kiel sur alpendaĵo de No 5. Parte reliefe presita sur blanka Pp. F, Gr, rando same kiel No 5. 2 specoj:

7. Verda.
8. Blua.

E: Nov. 1912 de Propaganda Ligo Parkurbo Esperanto, München. A: München, Pfandhausstr. 8. Pr: 0,500 Sm. Multkolora sur Pp blanka, F: rektangula, Gr: 36×56 mm, pf. 11½. 4 specoj:

9. Vidaĵo de parkurbo, portalo, s verda stelo. T s (nigra): Park-Urbo, ms (blanka): Esperanto.
10. Verde enplektitaj kolonoj, vidaĵo de parkurbo, ms verda stelo. T (verda) ms: Park-Stadt Esperanto.
11. Parko kun vilao, ms verda stelo. T (verda) ms: Park-Stadt Esperanto.
12. Verando, vidaĵo de parkurbo, s verda stelo. T (blanka) s: Park-Urbo, ms: Esperanto.

**C I.**

E: Jul. 1912 de Esperanto-Propaganda Instituto, Leipzig. A, Pr, F, Gr, rando, bildo same kiel No 7, reliefe presita. T s: Esperanto Lingvo Internatia, ms: 1887 25 (en laŭra krono) 1912. 2 specoj:

13. Verda.
14. Brunruĝa.

E: Sept. 1912. Same, korekta enskribo: Internacia. 3 specoj:

15. Verda.
16. Brunruĝa.
17. Blua.

**C II.**

E: Marto kaj Jul. 1912 de Esperanto-Propaganda Instituto (v. s.). A: tie. Pr. 0,250 Sm.

20. Verda Esperantostelo kun litero E sur blanka fundo, ronda verda rubando kun 2 blankaj ringoj, md kaj d blankaj kvinpinglaj steletoj. T s: Esperanto, ms: Korespondata, reliefe presita, blanka Pp. F: ronda, Gr: 22 mm, ronde dentita.

Ss. 20a. (2a eldono). Iom pli helverda.

E: Marto kaj Okt. 1912 de Esperanto-grupo Braunschweig. A: W. Kraft, Braunschweig, Steinweg 10. Pr: 0,250 Sm.

21. Verda Esperantostelo kun blankaj radioj flanken kaj malsupren sur ruĝa fundo, ekstere blanka rondlinio. T (blanka) s: Esperanto. Reliefe presita sur blanka Pp. F: ronda, Gr: 23 mm, ronde dentita.
E: Apr. 1912 de Fr. Ader, Dresden-A. 1. A: Ader & Borel (v. s.). Pr: 0,250 Sm.
22. Simile al No 20. T s: Oni korespondas, ms: en Esperanto. Gr: 23 mm.
E: Sept. 1912 de Dro Möbusz, Lübeck. Ne aĉetebla. Simile al No 20, la stelo sen litero ombrostrekita, d, md steletoj sespinglaj. T s: Esperanto, ms: Lingvo internacia. Verda, reliefe presita sur blanka Pp. Gr: 20 mm. 4 specoj:
23. Blanka Pp.
24. Verda Pp.
25. Blua Pp.
26. Ruĝa Pp.
E: Okt. 1912 de Nordalbinga Esperanto-Ligo. A: H. Böbs, Lübeck, Gertrudenstr. 17. Pr: 0,200 Sm. Simile al No 23, la pingloj de stelo nur duone ombrostrekitaj. Verda sur blanka Pp. 2 specoj:
27. Literoj same kiel No 23.
28. Literoj iom ŝanĝitaj (A s md kun streketo).
E: Okt. 1912 de O. Ziegler, Stuttgart, Bopserstr. 8. A: tie. Pr: 0,200 Sm.
29. Simile al No 20, la literoj iom pli grandaj, la steletoj okpinglaj. Gr: 22 mm.
E: Febr. 1912 de Fr. Seyboldt, librejo, Ansbach. A: tie. Pr: 0,500 Sm.
30. Alegoria virino, kun ŝildo flave randita, ornamita per verda Esperantostelo, en la md mano bastonon tenanta kun flugila Esperantostelo. D nokta pejzaĝo ĉe bordo de maro kun leviĝanta suno. Fundo md nigra, d blua. T ms: (nigra) Lingvo internacia (verda) Esperanto; sd tre malgranda: Pirchan (la nomo de la pentristo). Blua-, nigra-, flava-, verda sur blanka Pp. F: rektangula, Gr: 38×53 mm, pf 11¼.
E: Apr. 1912 de Germana Esperanto-Librejo, Leipzig, Sternwartenstr. 40. A: tie. Pr: 0,300 Sm.
31. Aglo sur terglobo kun Esperantostelo. T s md: Oni korespondu, s d: en Esperanto, ms: Jnternacia Helplingvo Esperanto. Helverda sur blanka Pp. F: rektangula, Gr: 42×24 mm, pf 13¾.
E: Aŭg. 1912 de A. Hache, Dresden-A., Steinstr. 4. A: tie. Pr: 0,125 Sm.
32. Verda aglo, en la mezo blanka rondo kun 2 verdaj ringoj kaj la verda Esperantostelo kun la blanka litero E. Inter la piedoj rubando kun la vorto Esperanto. ms tre malgranda: August Hache, Dresden-A. Ĉiuj rajtoj estas rezervataj. Verda sur blanka Pp. F: rektangula, Gr: 21×25 mm, pf 11½.
33. E: Nov. 1912 de la sama. Same kiel No 32, iom pli grizverda, mankas la interna ringo en la meza rondo. *Dr. Möbusz.*

# Bibliografio

*Ĉiuj libroj markitaj per steleto estas riceveblaj per:*
**Ader & Borel G. m. b. H., Esperanto-Verlag, Dresden-A. 1, Struvestraße 40.**
*(La montritaj prezoj ne entenas la sendkostojn.)*

**Recenzoj pri duoble ricevitaj verkoj aperas ĝenerale nur en Eldono B.**

* **La Hipotezoj pri Lourdes.** Nova kompreno pri la miraklo kaj la naturo. De Joseph Serre. Laŭ la deziro de la aŭtoro el franca lingvo esperantigis Ges-roj Ranfaing-Zabilon d'Her. — E. Menard & Kio, Tours, kaj Presa Esperantista Societo, Paris. 0.375 Sm. [35

Sub modesta eksterajo, sub titolo modesta, ja eĉ por kelkaj ŝajnanta senenhava, la aŭtoro de tiu profundega verko pritraktas la plej gravajn demandojn: la rilaton de scienco kaj religio. Kun kelkafoje preskaŭ timiga natureco kaj simpleco li montras al ni la solvon de demandoj, pri kiuj oni ofte jam ĉesas pensi, rezignante alveni al rezultato kontentiga. Ĉiuj bagatelaj demandoj, pri kiuj okazas tiom da disputoj, subite malaperas sub la multe pli grava demando: ĉu la malakcepto de superaj, spiritaj fortoj ĉe la t. n. miraklo ne renversas ĝuste la sciencon mem, kiu ĝin obstine kontraŭstaras? La verko ne estas nomebla partia, ĝi estas alte super la partieco de religioj kaj malkredoj, kvankam ĝi fine alvenas al la pravigo de l'kristana kredo. — La preskaŭ ne riproĉebla traduko redonas la originalon tiel, ke oni vere povas enprofundiĝi, tute ne ĝenata de gramatikaj aŭ stilaj malklarajoj. Tio ne estas sufiĉe laŭdebla ĉe verko, kie la senco eĉ en la originalo ne estas tute klara kaj tuj komprenebla. Modela estas ankaŭ la singarda uzo de novaj radikoj, elektitaj bone kaj modere. — Kelkaj preseraroj estas korektotaj. *Lr.*

* **Autour de l'Esperanto.** Discussion de quelques modifications projetées. De Camille Aymonier. — Esperantista Centra Oficejo, Paris. 0.250 Sm. [30

Nia eminenta samideano C. Aymonier jam kelkafoje donis al ni bonegajn argumentojn kontraŭ la proponitaj kaj ofte ankaŭ trudataj de kelkaj personoj ŝanĝoj en nia lingvo. En la nuna kajero li sisteme pridiskutas ĉiujn punktojn, kaj kompreneble alvenas al la science kaj praktike motivita konkludo, ke estus absolute malĝuste, kontraŭlogike kaj malprofite, akcepti la ŝanĝojn proponitajn, speciale tiujn de Ido. Riĉa materialo por komparo, plejparte ne okaze farita, sed eltirita el la erari ne povanta „*Progreso*", faras tiun verkon efektive valorega helpilo ĉe diskutoj kun niaj duonfratoj. — Tre dankemaj ni do estas al la aŭtoro kaj al C. O., kiu ĝin eldonis; sed nia

dankemo estus ankoraŭ pli granda, se tiel utilaj verkoj aperus ne france, sed Esperante. Aŭ ĉu ĝi estas eble destinita nur por la diplomatoj?*) *Lr.*

*

**Raporto pri la Oka Kongreso de Esperantistoj,** eltirita el *Lingvo Internacia.* De Ned Katryn. — Presa Esperantista Societo, Paris. 0.500 Sm. [47

La legantoj de *Lingvo Internacia* jam konas ĉi tiun raporton kaj povas mem formi al si juĝon pri ĝi. Por la aliaj mi nur volas diri, ke ĝi, kvankam verkita en bona kaj flua stilo, tamen ne atingas la antaŭajn kongresraportojn de L. I. Kial ne? Nu, ĉar la aŭtoro laŭŝajne ne scias distingi spritecon de satireco. Li volis skribi amuzan raporton, kaj li ankaŭ komencis tiel en la antaŭparolo, sed baldaŭ, raportante pri la kongresaj okazintajoj, li perdiĝas en malgravajoj kaj ofte nejustaj kritikoj, kiuj estas ĉio alia ol spritajoj. Pro tio mi bedaŭras, ke tia raporto aperis en grava kaj serioza gazeto kiel L. I. *Eko.*

*

***Oficiala Dokumentaro de la 3a Kongreso de U. E. A.** (Esperantia Biblioteko, Oficiala Serio No. 8.) — Universala Esperantia Librejo, Genève. 1 Sm. [45

Ĉiuj legantoj konas la agemon de U. E. A. kaj la laboremon de ĝiaj kongresoj. Kiu ne havis la okazon ĉeesti la Okan Kongreson en Kraków kaj la Trian de U. E. A., tiu nepre aĉetu ĉi tiun libron, kiu lin taŭge informos pri celo, agado kaj utileco de U. E. A., la sola praktika asocio, kiu per Esperanto povas havi profiton por ĉiu homo sur la terglobo. Sed ankaŭ por stilo kaj esprimmaniero la leganto multe povas lerni en ĉi tiu enhavoriĉa libro. *J. Schmidt (E. L. A.).*

*

***La kaŭzo de la senlaboreco.** Originala verko de H. C. Mees. — Universala Esperantia Librejo, Genève. 0.600 Sm. [44

Por ĉiu vera esperantisto estas alta ĝojo konstati, ke nia lingvo rapidpaŝe enpenetras en la praktikan vivon. Jen nova pruvo: La manuskripto por ĉi tiu verko jam estis preta en holanda lingvo, kiam la aŭtoro decidis eldonigi ĝin en Esperanto. — Multaj estas la kaŭzoj de la senlaboreco, sed la lerta verkinto prave rekondukas ilin ĉiujn al la ĉefa kaŭzo: la trologateco. Kaj liaj argumentoj estas konvinkaj, oni legas la tutan libron kun granda utilo. — Bonega stilo kaj korekta presado (mi notis nur tre malmultajn preseraroin) faras la libron tre rekomendinda. La malmultaj novaj vortoj, kiujn la verko enhavas, estas ĉiuj teknikaj kaj pro tio necesaj. *J. Schmid (E. L. A.).*

*

**Petaloj.** Aro da versajoj originale verkitaj en Esperanto de Czeslaw Kozlowski. — Propra eldono de la aŭtoro, Kiew (Rusujo) Malo-Vladimirska 26. Prezo 0,250 Sm. [6

Unua versaro de juna poeto, kies du verkoj „Saluton" kaj „Poezio", bedaŭrinde en tiu volumeto ne enhavitaj, akiris „honorajn menciojn" en la literatura konkurso de la Oka. Kvankam ne ĉiuj versajoj estas samvaloraj, troviĝis inter ili vere tre bonaj. Precipe en tiuj fortaj laŭ sento kaj lingvo poemoj „L'Unua" kaj „Morto" montriĝas tiom da talento, ke oni ĝoje atendos pliajn versajojn de la juna aŭtoro. *H. M.*

*

***Lehrbuch der internationalen Hilfssprache Esperanto.** Nach einer bewährten und überaus leichtfaßlichen Methode bearbeitet von Josef Spiller. — In Kommission bei J. A. Nobis (G. Füllborn), Dresden 22. Preis brosch. 0.75 M. [26

Kvankam mi ĝenerale time malfermas ĉiun novan lernolibron, ĉar ili plej ofte plialtigas nur la nombron kaj ne ankaŭ la kvaliton de la jam ekzistantaj, mi devas kun ĝojo konstati, ke la pritraktata havas plenan ekzistorajton. En tre plaĉa maniero la aŭtoro aranĝas la necesan materialon, forlasante ĉion superfluan, ne ŝarĝante la lernanton per reguloj, kaj preskaŭ nerimarkeble traglitante la t. n. malfacilajojn. Kvankam kelkaj juĝos la libron nekompleta, mi konsentas kun la aŭtoro, ke la pluon la studantoj mem facile lernos el la ekzercoj; tiel ekzemple la sufiksoj estas nur parte pritraktitaj, la pluajn oni trovas nur en la mallonga gramatiko almetita kiel resumo ĉe la fino; tre lertaj, preskaŭ neniom riproĉeblaj ekzercoj, en la unuaj lecionoj Berlitz-sistemaj frazoj, singarda enkonduko de la interrilataj pronomoj kaj adverboj, kaj fine koncizaj, sed kompreneblaj reguloj igas tiun ĉi malkaran libron meriti, ke ĝi fariĝu ĉie uzata instruilo ĉe kursoj. Eble tamen kritikinda estas la ekstrema maldetaleco ĉe la distingo inter kiu kaj kia kaj la klarigo de la adverbo. Sed ĉar la libro estas ĉefe por kursoj, la instruisto povas aldoni pliajn klarigojn, ĉiam alformiĝante al la kompreno kaj talento de la lernantoj. — Preso klara, tamen evito de la iom pli ol necese multaj preseraroj dezirinda. Formato oportuna, papero bona. *Lr.*

*

**Lernolibro de Esperanto** (gramatiko, ekzercaro kaj du vortaroj) de Iv. H. Krestanof. Kun la portreto de D-ro L. L. Zamenhof. Aprobita de la Ekzamena Komitato de la B. E. S. — Eldono de la „Bulg. Esp. Biblioteko" Sofia. Prezo 1.50 fr., lukse bindita 2 fr. Mendebla ĉe la internacia librejo de Iv. H. Nikolof, str. Alabinska No 33, Sofia. [29

Samideano Krestanof estas bona esperantisto; li ankaŭ estas zorgema eldonanto, kiu donis al ni jam 6 bonajn kaj bele eldonitajn numerojn de la Bulgara Esperanto-Biblioteko. Ni rajtas do atendi de li ankaŭ bonan lernolibron. Feliĉe la pritraktata lernolibro plene praviĝas nian atendon. Ĝi certe kaj nediskuteble superas ĉiujn lernolibrojn de Esperanto, kiuj aperis ĝis nun en bulgara lingvo.

La nova lernolibro konsistas el gramatiko, metode partiĝita en 12 lecionoj. Ĝin sekvas trafe elektitaj ekzercoj, aranĝitaj por ĉiu gramatika parto. Poste venas la vortaroj. En la Esperanta-bulgara vortaro, krom la vortoj de U. V., estas enmetitaj ankaŭ la vortoj de la Oficiala Aldono signitaj per steleto. La bulgara-Esperanto vortaro plene kontentigas la uzantojn ĉe ordinaraj bezonoj. Ambaŭ vortaroj enhavas proksimume 10000 vortojn.

*) Laŭ informo ricevita de C. O. ni povas jam diri, ke la Esperanta traduko de ĉi tiu verko baldaŭ aperos. *Red.*

En la fino la aŭtoro prezentas liston de la plej gravaj esperantistaj societoj, eldonaĵoj, firmoj, gazetoj ktp. — Tiel do, se la nove varbita per tiu ĉi lernolibro esperantisto estas kolektanto, komercisto, vegetarano, abstinentulo ktp., ktp.—li tuj povos trovi sian sferon en la esperantista movado. Ni prave povas diri, ke la nova lernolibro estas ne nur perfekta instruilo, sed ĝi prezentas ankaŭ veran manlibron por ĉiu nova samideano bulgara. Ankaŭ al la fremdulo, deziranta konatiĝi per Esperanto kun la bulgaro lingvo, ĝi povas utili, dank' al la paralelatraduko de ĉiuj titoloj kaj precipe per la bona aranĝo de la vortaroj.

Se bona lernolibro estas sukceso de nia afero en iu lando — kaj mi kredas ĉi tion firme — per la apero de la lernolibro de samideano Krestanof nia afero en Bulgarujo havas bonan sukceson.

*At. D. Atanasov.*

# Por lertuloj

## Enigmoj kaj problemoj.

**Nr. 31.**

| | |
|---|---|
| LI. | NA. |
| GA. | ST. |
| ĈE. | |
| RI. | NK. |
| SK. | ON. |
| FE. | |

El la supraj monogramoj oni formu deziron.

*Nolte.*

**Nr. 32.**

Mia . . . a . . . . alportis al mi el arbaro . . . io . . . . n

En ĉiun el la du punktovicoj metu la samajn literojn.

*B. Breslau.*

**Nr. 33.**

La vorton kun ŝ metu en poŝon,
La vorton kun s prefere en buŝon.

En la venonta numero de eldono B ni publikigos la solvojn de la ĉi-supraj problemoj; la legantoj bonvolu sendi la solvojn, **skribitajn nur sur poŝtkarto sen iu alia komuniko**, ĝis la 5a de l' venonta monato al nia redaktoro, **S-ro Friedrich Ellersiek, Berlin S. 59, Wissmannstr. 46.** — Tri el la solvontoj ricevos libropremion, kiun ili povos elekti el la katalogo de nia eldonejo. (Valoro po premio ĝis 1 Sm.)

## Solvoj el la antaŭa kajero.

**Nr. 28.**

Vagonarestro.

**Nr. 29.**

Tablo — tabulo.

**Nr. 30.**

1. **D**resdeno, 2. **R**ejno, 3. **E**nigmo, 4. **S**karlato, 5. **D**iamanto, 6. **E**rpilo, 7. **N**igro, 8. **O**kulisto. — Dresdeno.

**Ĝustajn solvojn sendis:**

a) de ĉiuj numeroj: Oskar Amm, Stuttgart; referendario Arntz, Godesberg; Johannes Bauer, Godesberg; F-ino Kath. Bock, Neukölln; Richard Brüggemann, Berlin; F-ino Wally Cuno, Königsberg (Pr.); F-ino Maria Dreesbach, Godesberg; F-ino Henny Drückhammer, Lübeck; Ilmari Ekström, Turku (Finnlando); Hans Fricke, Frankfurt (Main); Otto Funke, reĝa provizoficeja inspektoro, Altona (Elbe); S-ino Marie von Ganahl, Kufstein (Tirolo); S-ino Else Große, juĝejkonsilista edzino, Wolkenstein; C. Handrich, Hellerau-Dresden; F-ino Anna Helten, instruistino, Godesberg; A. Henneberger, Hamburg; A. Ivanickij, St. Petersburg (Rusujo); Johann Klinger, i. r. limdepagasistanto, Georgswalde (Bohemujo); Paul Krüger, Dresden; F-ino Marg. Lachmund, Leisnig; Max Leopold, Rostock (Mecklb.); Joh. May, poŝtsekretario, Saarbrücken 3; E. Momber, Oberdollendorf; A. Neitzel, Hannover; Theodor Oster, Godesberg; Eduard Pfeufer, stud. theol., München; F-ino Margarete Schäfer, Dresden; W. Schimmel, kant. em., Dresden; Carl Schulz, instruisto, Charlottenburg; juĝejsekretario Ziemann, Gnesen; Jan Ziermans, Scheveningen (Nederlando).

b) de du numeroj: Herm. Frerichs, fervoja revizoro, Oldenburg (Grhzt.); Willy Heinze, inĝeniero, Frankfurt (Main); Franz Mayer jun., Goldenöls (Bohemujo); Oswald Zöphel, sekreta sekretario, Dresden.

La premioj estas gajnitaj per loto de:

S-ro Richard Brüggemann, Berlin; F-ino Marg. Lachmund, Leisnig; S-ro. A. Neitzel, Hannover.

La gajnintoj bonvolu sciigi nian eldonejon Ader & Borel G. m. b. H., Esperanto-Verlag, Dresden-A. 1, Struvestr. 40, pri la libroj, de ili dezirataj.

Fondinto: J. Borel; responda redaktoro: Friedrich Ellersiek, ambaŭ en Berlin. — Ader & Borel G. m. b. H., Esperanto-Verlag, Dresden.
Presejo de F. Emil Boden, G. m. b. H., Dresden.